# HELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 52 (5) SEPTEMBRO - OKTOBRO/86


ESTRARO DE A. E. A.

Prezidanto: S-ro Santiago Mulas
Vicprezidanto: S-ro Adonis González
Sekretario: S-ro Julio Argüelles
Kontistino F-ino Mª Carmen Junco
Kasisto: S-ro Ildefonso Domínguez
Bibliotekisto: S-ro J.M. Rguez. Felgueres
Gekomitatanoj:
F-ino Pilar Alonso
F-ino Mª Jesús F. Luiña
S-ro Luis Muñiz
S-ro Faustino Castaño
S-ro Antonio Román

ADRESO DE A. E. A.


Str. Enrique Cangas, 25
Telefono, 341918 33206 - GIJON


- - - - - - - - -

ENHAVO



La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj do, respondecas la aŭtoroj mem.


Depósito legal n-ro O/319/85


## ANKORAŬFOJE....

Jes, kara leganto, Ni ankoraŭfoje liveras al Vi "Kongresan" numeron de Nia HELECO.

Ja temas, kompreneble, pri plenumado de Nia promeso ĉi rilate en la antaŭa numero. Do, en tiu ĉi numero de Nia organo Vi legos ampleksajn raportojn ( sed...ne tre!) pri la, laŭ ĉiaj vidpunktoj, nedubeble gravaj Kongresoj okazintaj en Vigo kaj en Pekino, respektive 46-a Hispana kaj 72-a Universala.

En tiuj ambaŭ Kongresoj Nia Asocio estis dece reprezentita, ĉefe per la karaj samideanoj kies raportojn Ni publikigas.

Pri akurateco k.s. en la aperado de HELECO Ni jam ne plu parolos, ĉar laŭŝajne temas pri neforigebla malsano kiun Ni daŭre kaj ĉiame suferas. Do, kara leganto, estu pacienca kaj mem konstatu disvolviĝon de tia malsano per legado de Nia organo tiam kiam ĝi aperu.

Nu, antaŭ ol meti finan punkton ĉe Nia hodiaŭa Enkonduk-artikolo, Ni deziras denove, pli trafe: Ankoraŭfoje!, memorigi Vin pri tio ke Ni, kiel cetere la Tutmonda Geesperantistaro, vivas la sojlon de la Centjariĝo de Esperanto, t.e. Nian JUBILEON!, kiun ja kaj nepre Ni ĉiuj devas kiel eble plej adekvate kaj dece soleni.

Do, karaj, ek al ... !

ADONIS.-
ADONIS.-

# NIA ANTENO

Dum la ĵus pasintaj lastaj semajnoj Nian Asocion honoris per sia vizito s-ro. Alex Humet, unu el la elstaruloj de la Gvid-Komitato de T.E.J.O.; gaj-ŝercema samideano kiu vigle kaj perfekte parolas Esperanton (fakte kvazaŭ li estus naskiĝinta "tie", kiel oni kutimas aserti kiam iu ajn parolante ian lingvon ĝin regas kvazaŭ filo de la koncerna lando).

En Nia Asocio oni iom pliviglis la koncernan estraron per anstataŭigado de kelkaj postenoj al kiuj oni elektis gejunulojn kiuj pretas per siaj fortoj kunhelpi la gvidadon de la Asocio. Pri ĉi tiuj novaj postenuloj certe vi jam konsciiĝis ĉe legado de la nomoj de estraranoj sur la unua paĝo de Nia organo. Ni esperas ke tia renovigado efikos favore en la disvolviĝo de la funkciado de Nia Asocio. Tiel estu!

Por la ĉi-jara festado de la ZAMENHOF-TAGO, okaze la 127-a datreveno de la naskiĝo de nia Majstro, Ni jam aranĝis la koncernan Programon kiu enhavas la tradici-kutimajn erojn, kiajn: oferadon de florkrono ĉe la nomtabulo de la strato Esperanto; Enkonduk-paroladon pri la evento; distrajn art-prezentaĵojn; Bankedon, ktp., ktp.

Ankaŭ kiel kutime Nia Asocio akiris Loterion de la Nacia Loterio Kristnaska okazonta en la 22-a Decembro. La koncerna numero, kiu espereble estu favorata de la sorto per gajno de ekzemple la Unua Premio, estas 41.166.

Rilate la Elementan Kurson kiu gvidata de Nia s-ano. Santjago Mulas disvolviĝas en Nia Sidejo lunde, merkrede kaj vendrede, Ni diru ke ĝi funkcias kontentige. Ni esperas ke el ties gelernantoj Ni sukcesos elteni kelkajn en la Esperanto-Movado.

Kaj pri la en la venonta jaro okazonta, en Varsovio, Jubilea Kongreso de Esperanto jam ekzistas grupo da gesamideanoj, kiuj revas tiun Kongreson ĉeesti kaj senpacience avidas informiĝi pri ĉiaj eblecoj la koncernan vojaĝon tien realigi.

Nedubeble Vi jam scias pri la "Hispana Jubilea Komisiono" kiu. i.a., entreprenis eldonadon de en Esperanton tradukitajn verkojn el Hispanaj Mondfamaj Verkistoj, en la serie Hispana Leteraturo kies unua numero estas "La Familio de Pascual Duarte", de C.J. Cela. Nu, eldonadon de la dua numero de tiu serio surprenis Nia Asocio kaj temas pri "Astura Bukedo", kun valoraj verketoj el asturaj verkistoj.

Do, nun kaj por ke Vi disponu sufiĉan tempon por atente tralegi la ceterajn interes-allogajn kontribuaĵojn kiujn ĉi tiu numero enhavas, Ni finas tiun ĉi rubrikon.

ADONIS.-

# Raporto pri la 46ª HEK

Nia 46-a Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta de la 15-a ĝis la 20-a de Julio en tiu bela kaj gastama urbo Vigo, kiu cetere jam estas la dua fojo kiam ĝi iĝas ĉefurbo de la hispana geesperantistaro, disvolviĝis laŭ la antaŭvidita programo jene:

Mardon, la 15-an

Je la 10-a horo okazis disdonado de dokumentoj kaj malfermo de la Libro-Servo, kiu estis plena de interes-allogaj libroj kaj aliaj esperantaĵoj kiuj altiris aĉetemulojn.

Je la 17-a horo oni enaŭtobusiĝis por realigi travizitadon de la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj, i.a.: la bela strando "Samil"; la Parko "Quiñones de León"; monto de "Castro"; monto de la "Gufa" el kie oni ĝuis spektadon de belegaj pejzaĝoj kiaj golfo de Vigo, la nova ponto de "Rande", kiu kunigas Vigon kun la duoninsulo de "Morrazo".

Merkredon, la 16-an

Je la 10-a horo kunsido de la HEF-estraro kun delegitoj de Esperanto-Asocioj kaj Grupoj. Unue S-ro Aragay, Prezidanto de HEF, salutis kaj prezentis dokumentojn. Poste okazis diversaj eroj : legado de letero de la Gijona Filatela Asocio adresita al Ministerio de Poŝto kaj Telekomunikado sin interesiĝanta pri eldono de speciala poŝtmarko okaze la Centjara Jubileo de Esperanto; interparolado pri Kristnaska Nacia Loterio, pri organizado nur far HEF de flug-karavano al la Jubilea Kongreso en Varsovio; S-ro Casquero informis pri la 47-a Hispana Kongreso de Esperanto okazonta en Madrido, kies Prezidantecon akceptis Lia Moŝto la Reĝo; S-ro Aragay informas pri "Hispana Antologio", kiun S-ro De Diego promesis verki ; la estraro de HEF sugestas kaj konsilas ke ne pli ol unu Renkontiĝo, Kongreso aŭ Kunveno de Esperantistoj samdate okazu en nia lando; oni interparolis pri ebla Kongres-Urbo por la jaro 1.988-a, laŭŝajne ekzistas ankoraŭ ne firma propono de Valencio; S-ro. Karlo Fighiera sugestas variadon de programoj por la venontaj Kongresoj.

Je la 12,30-a horo okazis la Solena Malfermo de la Kongreso kun la S-roj.: Aragay, Prezidanto de HEF, Hernández Yzal, Vicprezidanto, Bueno Cortés, LKK-Prezidanto, S-ro. R.J. Regueiro, skabeno pri edukado de la Urbodomo, ĉe la Prezida Podio.

S-ro. Bueno Cortés salutas la Kongreson bonvenigante ĉiujn gekongresanojn.

S-ro. R.J. Regueiro, skabeno pri edukado de la Urbodomo, kuraĝigas nin daŭrigi nian vojon kaj klopodojn ĝis "dissaltos la obstinaj baroj inter la popoloj dividitaj".

Poste alvenis la vico saluti la Kongreson far delegitoj de Grupoj kaj Eksterlandaj Reprezentantoj.

Je la 13,30-a horo, S-ro. Xesús Alonso Montero en hispana lingvo, prelegis pri "El Esperanto como Esperanza". Li reliefigis la gravan rolon de Esperanto kaj la grandan laboron de S-ro. Zamenhof.

Je la 17-a horo disvolviĝis la "Artaj kaj Sciencaj Horoj" dum kiuj oni entuziasme kaj lerte pritraktis diversajn instru-interesajn temojn.

Je la 19,30-a horo okazis fakaj kunvenoj de I.L.E.I., L.F.E.F. kaj H.E.F.S.

Jaŭdon, la 17-an

Je la 10-a horo okazis fakaj kunvenoj de: Tutmonde, Bahai, Vegetaranoj, ktp., ktp.

Je la 12-a horo, denove "Artaj kaj Sciencaj Horoj", kiuj ree disvolviĝis kun interesplenaj temoj.

Je la 16-a horo, prelego far S-ro Alonso Núñez pri "Nova Baldaŭa Revolucio: Informatiko en la Hejmo", sekvata de vigla kolokvo, kiun partoprenis multaj gekongresanoj.



Je la 17-a horo okazis la ekzamenoj pri Kapabla kaj Instruista Esperantisto,kiujn prezidis S-ino Rafaela Urueña kaj protokolis S-ro. Zaragoza.

Je la 18-a horo S-ro. Francisko Zaragoza gvidis Elementan Esperanto-Kurson.

Vendredon, la 18-an

Je la 9-a horo per aŭtoĉaroj oni ekskursis al la malaltaj enfluejoj: Pontevedra, Villagarcía, Cambados, Villalonga (kie oni tagmanĝis), El Grove, La Toja, ktp., ktp. kaj per la nova ponto de "Rande" oni revenis en Vigon.

Sabaton, la 19-an

Je la 10-a horo Laborkunsido pri la Centjara Datreveno de Esperanto; Esperanto-Kongresoj kaj Esperanto-Renkontiĝoj en Hispanio; Novaj Esperantaj Libroj; Laborplano por la jaro 1.987-a; Prezentado de novaj Esperantaj Verkoj.

En la ĉapitro "projektoj": Eldoni Ilustritan Broŝuron en Hispana Lingvo; reeldoni Vortaron Tudela; Video-Kurson de Esperanto; Historio-n de Esperanto en du volumoj; Poezia Antologio, k.a.

Je la 11,30-a horo, kunsido de HEF-estraro kun Delegitoj de Esperantaj- Asocioj kaj Grupoj.

Je la 13-a horo, la urbestro de Vigo, S-ro. Manuel Soto Ferreiro, afable akceptis la gekongresanojn en la Urbodomo, kie ilin larĝe regalis per trinkaĵoj kaj manĝetoj. Tie,apud la Urbodomo, oni pozis por la Oficiala Fotografaĵo.

Je la 16,30-a horo, plia fojo okazis "Artaj kaj Sciencaj Horoj", kiam oni pritraktis la temojn: "Alproksimiĝo al Sintakso de la Noma Sintagmo en Esperanto" kaj "La Fama Matematika Problemo pri la Kvar Koloroj".

Je la 17,30-a horo, Ĝenerala Kunveno de HEF.

Je la 19,30-a horo, en la Parko "Quiñones de León", oni spektis konkurон pri Keltaj - Folkloraj Dancoj.

Je la 21-a horo, en la Dancejo "Ĉarol", oni spektis la galegan riton "Queimada" (Bruligado). Tiu ĉi rito estas Kelt-devena, kiu inkluzivas gesorĉistojn, ekzorcojn,alpreĝadojn, dum okazas fulmoj kaj tondroj. Poste, oni gustumas la "Queimada"-n, konsistanta el brando, sukero kaj specialaj herboj. Temoj pri, laŭ ĝeneralaj asertoj, la plej brila kaj interesega ero de la Kongreso.

Dimanĉon, la 20-an

Je la 10-a horo, tuttaga ekskurso al la "Sporta Urbo" de Komerca Klubo, lokita en belega ejo, kie oni povis aŭskulti koncerton de la Ĥoro de la Hejmo de la Emerituloj de Vigo, kiuj kantis belege. Poste okazis disdonado de Diplomoj, aljuĝo de Premio Klara Silbernik, al S-rino. Pilar García, vidvino de nia kara kaj neforgesebla Rafael Herrero.

Poste, okazis la tradicia Bankedo, kie oni ĝuis agrablan etoson, krom la ege bongusta menuo.

Oficiala Fermo de la Kongreso... kaj adiaŭoj kaj ĝisrevideaoj en iu ajn en la Jubilea Jaro okazontaj Esperantaj eventoj.

SANTJAGO MULAS



E L   L A   P R O V E R B A R O   D E   Z A M E N H O F

- Ne moku mizeron de alia, ĉar baldaŭ venos via.
- Avarulo kaj porko estas bonaj post la morto.
- Koniĝas birdo laŭ flugo kaj homo laŭ ago.
- Neniu estas profeto en sia urbeto.
- Amo kaj ĵaluzo estas gefratoj.
- Homo proponas, Dio disponas.

# Miaj impresoj pri la Universala Kongreso en Pekino kaj Ĉinio

Unue mi devas diri, ke mi ne forgesos mian restadon en Cinio, precipe pro la bonega akceptado de la ĉinoj al ĉiuj geesperantistoj, kiuj ĉeestis tie; ili estas tre atentemaj, afablaj, ne nur la ĉinaj geesperantistoj, sed ĉiuj homoj, kiujn ni trovis sur la stratoj; geservistoj, gekelneroj, ŝoforoj, k.t.p.

Mia unua surprizo estis en la flughaveno en Pekino: nia grupo atendante valizojn, estis en ronda konversacio kiam ni aŭdis: "kie estas la esperanta grupo el - Hispanio ?" per perfekte prononcita hispana lingvo; ni ĉiuj turnis niajn kapojn al la loko, kie sonis la voĉon kaj ni trovis virinon mezaĝan, kiu montris rideton en ŝiaj lipoj. Ĉi tiu rideto estas simbolo de ĉiuj ĉinoj, kiel mi povis konstati dum la veturado tra Ĉinio. Post salutoj kaj presentado ŝi tre afable invitis:

-"Iru al la aŭtobuso."

Ni avertis ŝin:

-"Ni ne povas iri al la aŭtobuso , ni atendas niajn valizojn."

Ŝi respondas al ni:

-"Ne estas problemo, viajn valizojn vi trovos en viaj ĉambroj; venu kun mi."

Jam sidantaj sur sidlokoj en la aŭtobuso ŝi proponis iri al la hotelo aŭ komenci vizitojn al diversaj lokoj tra Pekino, ĉar mankas tri horoj por manĝi en la restoracio (en ĉi tiu momento estis la 9ª matene). Unanime ni diris:

-"Estas preferata la vizitado."

Tiel ni komencis nian restadon en tiaj belegaj lando kaj urbo.

La L.K.K. de U.K., el Esperanta Ligo de Ĉinio, aranĝis tre perfekte ĉiujn aferojn de ĝia kompetenteco: kunvenoj por malsamaj branĉoj, prelegoj, ekskursoj, diversaj aktoj kiel teatraĵo, ĉina opero, arta vespero, bankedo. Mi devas substreki la Esperantologian Konferencon, tre interesan - temon. Krom ĝi, folklora vespero, balo en Hotelo Pekino, ĉefe tuttaga ekskurso (senpaga) al la Granda Muro (mi dirus Granda Murego). Tien veturis ĉiuj gekongresanoj per pli ol 55 aŭtobusoj: vidi ilin sur ŝoseo, kiel longa serpento da veturiloj, estis granda spektaklo. Neforgeseblaj tagoj.

Por mi, tiu estis la plej bona U.K., ne nur pro la etoso dum nia restado en Pekino, sed ankaŭ pro la aliaj travivaĵoj, kiujn daŭrigante mi rakontas.

Mao Cui, nia gvidantino, kiu akceptis nin en la flughaveno de Pekino, akompanis nin dum la tuta trairado en Ĉinio, ĉar ni vizitis Ŝian, Ŝanhajo, Guanzhu, Gujlin, Kantonon kaj Hong-Kongon.

Krom nia gvidantino, en ĉiuj la urboj jam cititaj atendis nin gvidanto aŭ gvidantino de la koncerna loko, ankaŭ hispan-parolantoj, kun perfekta elparolo de nia nacia lingvo. Ankaŭ mi devas diri, ke en kelkaj vendejoj ni trovis vendistinojn, kiuj parolis hispane. Estis por mi granda fiereco trovi tiajn spertajn hispanoparolantojn. Kune kun la du gvidant(in)oj ni nenie havis problemojn, nek en la vendejoj nek en aliaj lokoj: stacidomoj, flughavenoj, hoteloj kaj dum vizitado al la diversaj mirindaĵoj, Palacoj, ĝardenoj, veturado per ŝipoj, pagodoj, temploj, ktp.

En Ŝian, grupanoj de Esperanta Klubo atendis kaj invitis nin al la kunveno aranĝita en hotelo; tie ni renkontiĝis denove kun aliaj samideanoj. Kelkajn el ili ni konis dum U.K. Ni estis prezentataj al ĉiuj.

Mi ne povas priskribi la pejzaĵojn de diversaj urboj, ĉar mi longigus ĉi tiun rakonton sed, ĝenerale, mi povas certigi la - belecon de ĉi tiu vastega lando.

Nova surprizo, kiam en Ŝanhajo niaj gesamideanoj tieaj, invitis nin per renkontiĝo; bedaŭrinde nia grupo malfruis. Ni eniris en grandan salonon, kie jam aliaj grupoj estis sidantaj kaj komencis sidkunveno, parolatajn per mikrofono ni aŭdis salutojn kaj bondezirojn. Tuj, post nia enirado, oni dediĉis nin grandan aplaŭdadon, ĉar ili estis atendantaj nian alvenon. Reciproke ni ankaŭ aplaŭdis ilin pro ilia ĝentileco, malgraŭ nia malfrua eniro. Nia samideano Arroyo el Madrido faris saluton je la nomo de hispanaj esperantistoj, kaj mi donis tri afiŝojn de GIJON al la estraranoj de la grupo, je la nomo de "ASTURA ESPERANTO ASOCIO", kio multe plaĉis al ili. Ili promesis al mi ke tiuj afiŝoj ornamos sian sidejon.

Manĝado, ho, la manĝado ! Grava problemo pro la uzado de manĝbastonetoj; dum la unua fojo ĉiuj miras pro tiuj iloj, sed kiel mi diris supre, la gekelneroj (plej bone la kelnerinoj) helpis nin, montrante kiel ni devas preni la bastonetojn inter la fingroj, poste, kiel ni devas movi unu el ili. Tiamaniere ili faris nin spertajn manĝantojn per manĝbastonetoj. La nutraĵoj estis abundaj



kaj bongustaj. Ĉiam la rizo aperis inter la pladoj aŭ ujoj de nutraĵoj, konsistantaj el vegetaloj, viandoj, legomoj, fiŝoj, marbestoj, dolĉaĵoj kaj supo; ĉi tiu estas la lasta aŭ antaŭlasta nutraĵo servita sur la ronda tablo. Finfine fruktoj, ĉiam sen pano ĉe la ĉefaj manĝaĵoj. La matenmanĝo estas, same kiel en aliaj landoj; t.e.: kafo, teo, - marmelado, suko, butero, fromaĝo, pano kaj ovaĵoj. La trinkaĵoj estas mineralakvo, biero ("San Miguel") aŭ oranĝsuko.

Tiaj estas miaj impresoj pri Ĉinio.

JULIO ARGÜELLES



PRI LA PIEDMIGRADO EN TRESCLEOUX (Altaj Alpoj - FRANCIO)

je la 30.6.86 ĝis la 6.7.86

---

La celo de tiu-ĉi restado estis renkontiĝo de esperantistoj kun neesperantistoj en simpatia kaj malstreĉita etoso.

Ĉeestis 21 partoprenantoj; 9 esperantistoj el MELUN, NICE, GRENOBLE, AVIGNON kaj EYSINES, kaj 12 neesperantistoj el BORDEAUX kaj EYSINES (Ĝirondio)

Ĉiutage, ni piedmigradis malkovrante la belegan regionon.

Ĉiuvespere okazis animado, iniciado pri esperanto, konversacio por la progresantoj, kantoj kaj popoldancoj.

Post gluado de afiŝoj, kelkaj vilaĝanoj vizitis nin kaj interesiĝis pri nia agado.

La tutan semajnon, restis ekspoziciita esperanta materialo: libroj, propagandiloj, kasedoj, k.t.p.

Ni multe dankas Mikaelon, el la Nica grupo, kiu vigle animis la vespermanĝojn per gitaro kaj kantoj, kaj la gerespondeculojn de la etapkuŝejo.

Ĉiuj esperantistoj estos bonvenaj ĉe:

Lucette LACOSTE

Gîte d'Etape du Mont-Garde

TRESCLEOUX

05700 SERRES (FRANCIO)

Tél. 92.66.25.72

LA EYSIN GRUPO.

Sendis: Gisele Gizard



# Anekdoto

SEN BIOGRAFIO

Foje oni demandis la faman anglan verkiston Walter Scott, kial liaj herooj devenas ĉiuj el la pasinteco kaj estas noblaj kaj sinoferemaj personoj. Oni rekomendis al li skribi romanon pri la entreprenema kaj realista samtempulo, kiu kolektis grandan havaĵon.

- "Tiuj, kiuj dediĉis sin al profitemo, ne havas biografion" - tuj respondis la verkisto - "pri ili oni povas skribi nur unu linion, la tempon de la naskiĝo kaj tiun de morto."

Esperantigis Johannes Palu el Estonio

# La verda komisarejo



## OFICIALA KOMUNIKO

Dum la lastaj semajnoj estis arestitaj de niaj diligentaj agentoj de la taĉmento "VERDASTELO" la lingvoteroristojn, kies nomojn kaj deliktojn ni publikigas ĉi sube.

DISTRIKTO DE LA "UNUA INFORMILO" DE LA 47ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

La t.n. 16-20ª, kiu uzurpas la oficon de la ensemblo 16ª - 20ª DE en la 2ª linio de la frontpaĝo.

La t.n. ELVIVAS, kiu uzurpas la rolon de s-ro ELĜUAS en la unua linio de paĝo 1.

La t.n. RETIRO-PARKO, kiu uzurpas la postenon de la ensemblo PARKO DEL RETIRO en la 14ª linio de la sama paĝo.

La t.n. PILGRIMANTE, kiu uzurpas la metion de s-ro PILGRIMANTAN en la 15ª linio de la sama paĝo.

La t.n. KIEL, kiu uzurpas la lokon de s-ro KIES en la 29ª linio de la sama paĝo.

La t.n. CELEBRAS, kiu uzurpas la profesion de s-ro CELEBROS en la 30ª linio de la sama paĝo.

La t.n. ĈIRKAŬMURI, kiu senrajte anstataŭas s-ron ĈIRKAŬMURIGI en la linio 8ª de la paĝo 2.

La t.n. L.M., kiu neleĝe anstataŭas la ensemblon LIA REĜA MOŜTO en la 13ª linio de la paĝo 3, devigante s-ron REĜO dejori tute nenecese en tiu sama linio.

La t.n. REPREZENTANTOJ, kiu aŭdacas aperi sen la deviga finaĵo "n" en la linio 18ª de la sama paĝo.

La t.n. EL, kiu uzurpas la agon de s-ro DE en la 3ª linio de la paĝo 4.

La t.n. KONGRESEJO, kiu uzurpas la rolon de sia parenco KONGRESO en la 16ª linio de la sama paĝo.

La t.n. ELPAŜOJ, kiu uzurpas la oficon de sia parenco PAŜOJ en la 22ª linio de la 6.

La t.n. JAŬDO 16 APRILO, kiu kontraŭleĝe anstataŭas la ensemblon JAŬDON, LA 16-an DE APRILO en la linioj 13ª de la paĝo 7 kaj 24ª de la paĝo 8.

La t.n. VENDREDO 17 APRILO, kiu agas simile en la linioj 16ª de la paĝo 7 kaj 4ª de la paĝo 9.

La t.n. SABATO 18 APRILO, kiu agas simile en la linioj 17ª de la paĝo 7 kaj 32ª de la paĝo 9.

La t.n. TEATRAĜON, kiu uzurpas la postenon de sia parenco TEATRAĴON en la 25ª linio de la paĝo 7.

La t.n. AL, kiu uzurpas la profesion de s-ro POR en la 18ª linio de la paĝo 9.

La t.n. DIMANĈO, 19, kiu neleĝe anstataŭas la ensemblon DIMANĈON, la 19-an en la 5ª linio de la paĝo 10.

La t.n. LUNDO, 20, kiu agas simile en la 21ª linio de la sama paĝo.

(daŭrigo sur la paĝo 9)

# La senlaborulo, ĉu nova kasto ?..



Estas landoj, en kiuj pro diversaj religiaj kredoj aŭ sociaj klasoj, ekzistas homaj grupoj konataj sub la nomo kastoj. Evidente la vorto kasto enhavas tre gravan socian signifon. Ĝi estas la formo por leĝe dividi la homojn en diversajn grupojn. En tiu socia ordo ekzistas la superaj grupoj kun grandaj privilegioj kaj rangoj, tiel do, kie ekzistas privilegioj ankaŭ ekzistas diskriminacioj. La tasko de la malaltaj kastoj estas obei kaj plenumi la dezirojn de la altrangaj kastoj. Oni diras, ke tiuj kutimoj, moroj aŭ sociaj sistemoj devenas de malnovaj tempoj. Ili estas la restajoj de socioj, kiuj precipe baziĝis sur la religioj. Se ni estas sinceraj, ni devas konstati, ke iom post iom tiuj radikalaj konceptoj pri la identeco de ĉiu persono aŭ kolektivaj homoj ŝanĝiĝas, cele al ilia malapero.

Nu, jen ni en ĉi tiu nomata okcidenta socio. Verŝajne kaj laŭ supraĵa trarigardo, ni troviĝas en socio samrajta por ĉiu civitano. Tamen se vi analizas objektive nian vivsistemon, nepre vi konkludos, ke tiu samrajteco ne ekzistas. Eĉ la leĝoj ne estas la samaj por ĉiu homo. Por bankisto aŭ bankoposedanto ekzistas leĝoj, kiuj donas al li certajn privilegiojn. Li ne okupiĝas pri tio ĉu la salajroj estas altaj aŭ mizeraj, aŭ ĉu ĉiu homo laboras kaj manĝas. Li unike okupiĝas pri multobligo de sia banka povo. La salajroj kaj aliaj ekonomiaj facetoj de la vivo influas la celon de la bankoposedanto, sed li daŭre apartenas al supera kasto. Jes, oni diras, ke en nia "libera socio" ne ekzistas kastoj, tamen paralele al la kasto de de bankoposedanto troviĝas tiu de laboristo. Normale, la laboristoj ne okupiĝas pri la bankoj, kvankam ili bone scias la influon de tiuj ekonomiaj asocioj. Precipe la laboristoj zorgas pri siaj salajroj, kiel nura vivrimedo.

Jen du ekzemploj de la nunaj kastoj, kiuj evidentigas, ke tiuj diskriminacioj ankoraŭ daŭras en nia socio. Kompreneble meze de tiuj du kastoj ekzistas aliaj. Ni estas tre edukitaj kaj uzas aliajn terminojn: sociaj tavoloj, sociaj klasoj, libera socio, ktp. Ankaŭ estas vero, ke ĉiu homo povas iri de unu kasto al alia, kio verŝajne ne okazis en la tradiciaj kastoj. Ŝanĝiĝis la formoj, sed ne la kerno de la problemo.

Estas sufiĉe konataj la severaj krizoj, ekonomia kaj labora, kiujn suferas nia socio. Ĉi tiu malbone organizita ekonomia sistemo naskiĝis novan socian tavolon: la senlaborulojn. Mi ne scias, kio okazas en aliaj landoj, sed almenaŭ en Hispanujo la senlaboruloj grupiĝas en kolektivoj, kiuj diversmaniere luktas por siaj rajtoj, rajtoj, kiuj, paradokse, troviĝas en la Konstitucio.

Senlaborulo ne konsideras sin kiel kiun ajn personon, li scias bone, ke li apartenas al alia grupo, la senlabora. Fakte, li suferas multajn diskriminaciojn. En multaj aspektoj la socio lin rifuzas.

La plej grava problemo estas, ke la senlaboreco estas konsiderata kiel normala fakto en nia socio. Ne estas antaŭvidita rimedo. La senlaboreco estas kancero de ĉi tiu socio, kaj ĝia viktimo estas la laboristaro. Do, nova socia klaso firmiĝas. Nova kasto mizera kaj suferanta naskiĝis. Almenaŭ en Hispanujo, kie la ŝtata helpo al la senlaboreco estas limigita, la senlaboruloj vivas, kiel parazitoj alkroĉitaj al familianoj, amikoj aŭ karitataj organizoj. Plej terure estas la koncepto, kiun ili havas pri si mem. Senlaborulo konsideras sin kiel diskriminaciatan de la cetaraj civitanoj. Li sentas sin malsupera. Liaj reagoj estas tre diversaj; iuj pacience atendas la eliron el ĉi tiu kasto; estas aliaj, kiuj ne akceptas la situacion kaj eksterleĝe serĉas la forlason de ĉi tiu grupo. Multaj el ĉi tiuj lastaj estas ofte gastoj de malliberejoj, aliaj fariĝas drogadeptoj. En la familiaj rilatoj la senlaboreco kaŭzas verajn problemojn. Patro, kiu ne laboras sin konsideras kiel senrajtan por konduki la familion. Li hontas antaŭ la edzino kaj filoj, ĉar li ne kapablas alporti la necesajn rimedojn por subteno de la familio. La malespero estas lia ĉiutaga filozofio. La materiaj kaj psikaj batoj, kiujn ricevas la senlaborulo komplete detruas lian vivon. Por ne edziĝinta homo la situacio ankaŭ estas tre malespera. Vole aŭ nevole li kaj ŝi devas rezigni geedziĝon. Mankas mono, ĉar laboro ne estas.

Facile estas koni surstrate, kiu estas senlaborulo. Li ne daŭre promenas, li ofte haltas, li ne scias kien iri, li ne havas konkretan celon. Ĉio, kio okazas ĉirkaŭ li apenaŭ gravas. En lia menso estas aliaj pensoj kaj surstrate li promenas, kiel mumio vivanta.

La gejunuloj abundas en ĉi tiu kasto. Ili havas neniun projekton por la estonteco. Iliaj mensoj estas malplenaj, nenio en la vivo ins-

➤

tigas ilin. Ilia espero radikas en ilia juneco, sed la jaroj forpasas kaj laboro ne venas. Estas junuloj 24 jarojn aĝaj, kiuj ankoraŭ neniam laboris. Multaj el ili eĉ pensas, kial labori por ĉi tiu socio? La filoj de senlaborulој hontas, kiam ili devas diri: mia patro ne laboras, aŭ inverse, kiam la gepatroj parolas pri siaj filoj kaj devas konfesi, ke ili ne laboras. Nu, vi imagu hejmon, en kiu neniu laboras.

Kion pensas niaj sociologoj pri ĉi tiu temo ? Precipe tiuj sociologoj, kiuj defendas la tiel nomatan socio de libera merkato. La vero estas, ke en nia socio naskiĝis nova kasto. Ke multaj homoj rajtas plej dignan vivon, por kio ili unike petas, postulas, laboron. Nia sociordo, kiu plenvoĉe sin nomas "socio de libero", konstante ĵetas homojn al plej maldigna situacio, al la senlaboreco. La kasto de la senlaboruloj ne toleros ĉi tiun diskriminacion, kaj kiel en aliaj historiaj ribeloj, la nova kasto iam diros: Sufiĉe!!!

LUIS SERRANO PEREZ

(SABADELL)



(daŭrigo de la paĝo 10)

purigistino:

- Patroj miaj ! Kiom da disĵetitaj paperaĉoj !

- Goŝa revenis - ekflustris iu, kaj tiuj ĉi vortoj, kvazaŭ alt-tensia kurento ekskuis ĉiujn. La kunlaborantoj sin ĵetis kapti la sturnon, sed tiu ĉi forflugis kaj lokiĝis sur la branĉo de arbusto.

Mi rapidis fermi la fenestron.

Tiamaniere nia fako laboris dum la tuta somero post la fermitaj fenestroj, ĉar sur la arbusto ĉiutage videblis Goŝa. Sed subite ĝi malaperis. Eble ĝi forflugis suden kun aliaj sturnoj.

Ne estas klare, ĉu ĝi revenos. Sed mi jam scias kiamaniere mi timigu mian fakon. Mi eniros foje en la ĉambron kaj ekkrios:

- Goŝa revenis !

Verkis: S.BUIAK

El la rusa tradukis I.DRULL



(daŭrigo de la paĝo 7)

La t.n. OL, kiu ne kapablis klarigi la kialon de sia ĉeesto en la 23ª linio de la sama paĝo.

La t.n. INDIKE, kiu uzurpas la oficon de sia parenco INDIKITE en la samaj linio kaj paĝo.

La t.n. MINOJ, kiu uzurpas la metion de sia parenco MINEJOJ en la 24ª linio de la sama paĝo.

La t.n. ESTRATO, kiu uzurpas la rolon de s-ro STRATO en la samaj linio kaj paĝo.

La t.n. ANDALUCIO, kiu uzurpas la postenon de s-ino ANDALUZIO en la lasta linio de la sama paĝo.

Doninte al ĉiuj po kvin batojn per la kvin pintoj de la verda stelo sur iliajn vertojn, tiuj arestitoj estis tuj liberigitaj.

Esperburgo, la 14-an de Septembro 1986

LA ĈEFKOMISARO

Al. Zibjades

# Niaj Geamikoj el....

## ...Sovetunio

### LA KAPABLA BIRDO



oje, marŝante matene al la oficejo, mi trovis vunditan sturnon. Mia tuta fako decidis ekokupiĝi pri la povra birdo. Mi akiris kaĝon por Goŝa /tiel mi nomis la sturnon/kaj lokis ĝin sur la fenestrotabulon.

Pasis unu monato kaj Goŝa bone resaniĝis.

Foje, posttagmeze, mi kun Viktoro, decidis eklabori. Post kontrolo de iaj paperaĉoj mi ekaŭdis la voĉon de Viktoro:

– Jam venis tempo por ekfumi –. Mi tuj frape fermis la paperujojn, ekoscedis kaj turnis min al Viktoro. Tiu sidis ŝtoniĝinta kaj rigardegis la kaĝon kun la sturno.

– Ĉu vi aŭdis ? – diris al mi Viktoro. – Jen kiel prezentiĝas la birdeto! Talento.

Tiutempe en la ĉambron komencis venadi la kolegoj el nia fako. Viktoro sekrete signis al mi, ke mi silentu kaj ni, kvazaŭ nenio okazus, ekokupiĝis pri la paperoj. En la fako ekregis momenta labor-silento, sed subite eksonis la voĉo de la kolegino Véročka:

– La botetoj – eksterlandaj, la koloro – kapturniga.

Ĉiuj en la fako ekrigardis Véročka-n. Si sidis kun larĝe malfermitaj okuloj kaj buŝo, surplanke kuŝaĉis rompiĝinta speguleto kaj ŝminkujo.

Sed Goŝa daŭris pepadi el sia kaĝo siavoĉe:

– Petrov hejme diboĉas. Ivanov tuttage maĉas. Sidorov imagas ke estas... La sturno ne sukcesis finparoli. Al la kaĝo kun krio sin ĵetis Véročka:

– Ho, ci, sentaŭulo !

Mi kun Viktoro apenaŭ sukcesis defendi la birdeton.

La sturno evidentiĝis ekskluzive kapabla.

De tiu tago mi, dank'al Goŝa, sciis pri la kolegoj ĉion: Kiel iu rilatas al kiu, kion iu aĉetis, kio okazadas hejme... Kiamaniere oni povas labori en simila cirkonstanco ? Ciuj fariĝis malparolemaj kaj singardemaj

Kaj mi, kun Viktoro, decidis malstreĉi atmosferon en la fako kaj samtempe plenumi bonan agon. Veninte al la oficejo pli frue, ni liberigis la sturnon , tra la fenestro.

Kiel ekĝojis niaj gekolegoj ! Ivanov premante mian manon, sincere dankis min. Véročka rigardis Viktoron per am-okuloj.

Kaj kiel ĝenerala estis la konfuziĝo, kiam sekvont-tage ni ree ekvidis Goŝa-n. Ĝi promenadis laŭ la tablo de Véročka kaj insultis per la voĉo de nia

(daŭrigo sur la paĝo 9)

## INTERNACIA ESPERANTO-PROPAGANDA BICIKLADO TRA EŬROPO

*Pro centjariĝo de nia ILo, internacia grupo bicikle foriros ekde februaro el Perpinjano (Sud-Francio) por atingi Jubilean Universalan Kongreson en Varsovio fine de julio. Ĉi-tiu alvoko petas de ĉiu Esperantisto anonci plej frue kiel eble:*

** unuatempe ĉiuj informoj pri jam organizotaj esperanto-aranĝoj, renkontiĝoj, kongresoj, ktp..., kiujn la biciklonto povus partopreni*

** duatempe ĉiuj informoj pri organizotaj neesperant-sed tamen internaciaj- renkontiĝoj kie la ILo rajtos esti diskonigata (revidi UNESKO-alvoko al neregistaraj organizoj internaciaj, pri centjariĝo de Esperanto, por disvastigi ĝia uzado)*

** triatempe kiuj Esperantistoj/Esperanto-grupoj pretiĝas aranĝi renkontiĝon ĉefe per antaŭaj anoncoj de lokaj ĵurnalistoj por publika diskonigo de la grava evento "Centjariĝo de Esperanto", kaj de la tiutempa trabiciklado de la regiono fare de diverskontinentanoj esperantistaj kaj neesperantistaj, kiuj deziras plifacilaj ekscii ĝo kaj lernebleco de E°.*

*Kiu vojiro??? Bonvolemuloj foriros el Perpinjano en:*

*- Februaro: I500/3500Km tra Hispanio kaj Portugalio*

*certe estos en Francio komence de :*

*- Aprilo: I000/4000Km ĉefe ĉe Sudfrancio kaj poste se eblas ĉe iomaj partoj de Itala kaj Svisa landoj, norden ĝis (kial ne?) Danlando... laŭ la baldaŭaj respondoj al ĉi-tiu alvoko.*

*La grupo petas sin anonci kaj bonvenigas ĉiu kunpedalumonta homo (ĉu Esperantistoj, ĉu Neesperantistoj ĉar kompreneble Esperantokursoj okaziĝos laŭ la vojrajdado). Diru al ni en kiu urbo vi loĝas kaj dum kiom da tagoj vi biciklos.*

*Pro ĉiuj respondoj antaŭ la Ia de decembro, ni certigos la ĉefaj urboj/vilaĝoj trapasotaj kaj la ĉefaj renkontiĝoj (do datoj) partoprenotaj. Tiel ni precizigos kiun tagon ni pretigos halti en iu urbo/vilaĝo laŭ organizeblotaj ĉu konferencoj ĉu spectakloj (laŭ la dotoj de lokaj Esperantistoj, de biciklantoj kaj de la loko... ĉu Esperantobiblioteko, ĉu kampadejo, ĉu strato Zamenhof, ĉu... ĈIO ESTAS EBLA !*

*La Esperanta lingvo bone funkcias kiel internacia komunikilo, ni pretigas tion elpruvi. NESCII NE ESTAS MALBONA - (EK)SCII ESTAS BONA - SCIIGI ESTAS BONEGA.*

*Ni petas, tuj anoncu ĈIOn al : J O R G O S I 2 , Pl. Picasso*
*F - 6 6 4 0 0 - C E R E T .*

*Biciklontoj, bv aldoni I.R.K.ojn Antaŭdankon.*

*Ĉiu rajtas traduki kaj multobligi ĉi-tiu anonco. Neniam ni sufiĉe informas, nek sufiĉe frue. P.S. Ankaŭ B.E.M.I. (Biciklista Esperantista Movado Internacia) proponos Parizo-Krakovan bicikladon ekde la 25a de junio. Ni provos kunpedalumi... ankaŭ de ĉi-tiu flanko, informoj grave mankas!*

*I N F O R M U  N I !   B I C I K L I  N I !*

*E S P E R A N T I G U  N I ! ! !*

# KUIRANTE KUN PILAR

## BOVIDAĴO STUFITA

INGREDIENCOJ: 720 g. da bovida femuro.
30 g. da porkgraso.
180 g. da miksitaj legomoj trancitaj.
30 g. da faruno.
1 malgrandeta florbrasiko.
1 kulero da petroselo hakita.
salo kaj pipro.
taseto da akvo.

---

Kubitranĉu la viandon kaj legomojn.

Fritu la viandon dum kelkaj minutoj, aldonu la legomojn kaj daŭrigu la fritadon, kirlante bone.

Surŝutu la farunon, petroselon kaj salu kaj pipru.

Fritu ankoraŭ dum kelkaj minutoj antaŭ ol aldoni sufiĉe da akvo por kovri.

Kovru la kaserolon kaj stufetu ĝis moleco.

BONAN APETITON !